3/96

# Internacia Ĵurnalisto

organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# Ni invitas vin al Prago

## Membrokunveno kaj pluraj aliaj aktivaĵoj

Tradicie la membrokunvenoj de TEĴA okazas dum Universalaj Kongresoj de Esperanto (UK); do ankaŭ ĉijare ni invitas vin veni al la 81-a UK en Prago kaj partopreni la membrokunvenon kaj aliajn programerojn, en kiuj aktive rolos nia fakasocio. La membrokunveno okupiĝos ankaŭ pri la kongresa temo „Kulturo: valoro aŭ varo?" Detalojn vidu sur paĝo 2. Alia grava programero estos la praktika trejnkurso, kiun TEĴA ofertos. Krome ni partoprenos en Faka Forumo kaj deĵoros en nova Faka Giĉeto. Ni esperas, ke multnombre niaj membroj venos al la specifaj aranĝoj de nia fakasocio.

### Komunikado kaj risko de duklasa socio

Personaj komputiloj, kiuj ebligas partoprenon en nova komunik-tekniko kaj donas aliron en tutmonda informado, plej multe troviĝas en usonaj hejmoj. Sed usona organizaĵo por protekti infanojn ĵus eldiris timon: „Ekzistas serioza danĝero, ke milionoj da infanoj estos metataj flanken per la teknologia revolucio." Ebleco aliri komputilojn kaj la novajn inform-metodojn decidas pri sukceso en edukado kaj profesio, avertas la organizaĵo, kaj plendas pri granda abismo: en 66 % de hejmoj kun jara enspezo de pli ol 60 000 dolaroj staras komputilo; en loĝunuoj kun jara enspezo de 25 000 ĝis 34 000 dolaroj estas nur 23 %. Infanoj de aliaj familioj do havas konsiderindajn malavantaĝojn. Tiu ĉi risko de duklasa socio, ne nur en Usono, estas unu el la ĉefaj temoj de tiu ĉi numero (ekde paĝo 3).

### Objektiveco havas siajn limojn

Ke ankaŭ en landoj, kies amas-komunikiloj kutime estas rigardataj relative objektivaj, ĵurnalistoj iĝas subjektivaj, kiam temas pri naciaj interesoj, tion aktuale ni povas observi ĉe la disputoj pri bovopesto BSE. Zorgiga, sed ankaŭ amuza fenomeno – do amuzu vin la ĉi-tema karikaturo...




*„Mi sciis, ke la britoj iam rebatos!" (karikaturo: Haitzinger)*

## ENHAVO

KOLOFONO
**Internacia Ĵurnalisto**
Organo de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas 4foje jare
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio, ☎/fakso (49)821/520385
Redaktofino de tiu ĉi numero: 5 jun 96
Kopirajto ĉe Internacia Ĵurnalisto
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen
Presata de Flandra Esperanto-Ligo sur mediprotekta papero.

ESTRARO DE TEĴA:
Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio
Vicprezidanto: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio
Ĝenerala Sekretario: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185 Tôkyô, Japanio
Kasisto: Paul PEERAERTS (adreso de FEL, vidu supre)
Estraranoj:
Aleksander KORĴENKOV, p. k. 162, RUS-620014 Jekaterinburg - 14, Ruslando
Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Citadella (PD), Italio

ARBITRACIA KOMISIONO:
István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
LABORKOMISIONO pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro P. Gubbins (adreso supre)
LABORKOMISIONO de radioĵurnalistoj: Estro Andrzej PETTYN, Skrytka pocztowa 46, PL-05-822 Milanówek, Pollando

LANDAJ SEKCIOJ:
Bulgara TEĴA-sekcio: Mariana EVLOGIEVA, PK 18, Drushba-2, BG-1582 Sofia
Pola TEĴA-sekcio: Zofia BANET-FORNALOWA, ul. Bliska 12, PL-05-090 Raszyn
Ruslanda TEĴA-sekcio: Irina KIRINA, pk. 1833, RUS-625048 Tjumenj-48

Membrokotizo/abono: 30.00 germanaj markoj aŭ 21 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f

# Oficialaj komunikoj de la TEĴA-estraro

## Invito al la membrokunveno 1996




en la kadro de la
81-a Universala Kongreso de UEA
en Prago (20a - 27a de julio 1996)
La membrokunveno okazos lundon, 22an de julio, 10.30 - 12.00 h; la salonon bonvolu trovi en la kongreslibro.

# Tagordo

1. Malfermo fare de la prezidanto
   1.1. Elekto de protokolanto
   1.2. Kompletigo aŭ akcepto de la tagordo
2. Agad-raporto de la estraro, kasraporto
   2.1. Raportoj de landaj sekcioj
3. Raporto de l' arbitracia komisiono
4. Senŝarĝo de estraro kaj kasisto
5. Aprobo de l' budĝeto
7. Raporto pri trejnkurso por ĵurnalistoj
8. Diskuto pri „Kultura valoro de l' varo gazetaro“ rilate al la kongresa temo „Kulturo: valoro aŭ varo?“
9. Diversaĵoj

(La agad-raporton de l' estraro kaj la raporton pri la trejnkurso vi trovas sur paĝo 11 de tiu ĉi numero.)

## Seminario de TEĴA - praktika trejnkurso

Tiu ĉi unuafoja speciala oferto de TEĴA utilos precipe al redaktoroj kaj verkantoj. La seminario okazos lundon, 22an de julio, 16.00 - 18.00 h; la salonon bonvolu trovi en la kongreslibro.

## Faka Forumo

UEA por la unua fojo dum UK donas al fakasocioj eblecon, prezenti sin en aparta Faka Forumo; TEĴA partoprenos en ĝi. La Faka Forumo okazos ĵaŭdon, 25an de julio, 9.00 - 10.30 h.

## Faka Giĉeto

Ankaŭ tiu ĉi aparta giĉeto estos nova oferto en Prago. Reprezentantoj de TEĴA deĵoros tie, kvankam ne dum la tuta kongreso. Se vi estas preta, helpi la estraron en tiu ĉi tasko, bonvolu anonci vin en la unuaj tagoj de l' UK.

## Se vi volas kontakti estraranojn...

Kiel kutime, vi trovas la kasiston de TEĴA, Paul Peeraerts, ĉe la stando de MONATO. Tie vi povas ankaŭ lasi mesaĝon, se vi volas kontakti aliajn estraranojn.

☆☆☆

**Ĝis revido en Prago!**

KOMUNIK-TEKNOLOGIO

# Ĝis totala informiteco

Ĉu estonte ni vivados antaŭ komputila monitoro?

**Furoras en Germanio, kaj certe en multaj aliaj industriaj landoj, plurmedio (angle „multimedia" - vidu suban keston): produktistoj kaj vendistoj per belegaj buntaj reklamoj volas persvadi nin, enpaŝi tiun belan novan mondon komputilan. Nu, ni enpaŝu ĝin...**

Reveninte de l' ĵus pasinta UK, mi tuj eksidas antaŭ mia komputilo kaj enŝovas la vidbendojn pri la kongreso. Fulmrapide la komputilo glutas ĉion kaj mi povas eki: mi volas produkti 60-minutan vidbendon por la venonta klubkunveno. Rapidkontrolo de l' vidbenda materialo – ho ve, la komputilo informas, ke pluraj scenoj de teatraĵo „Kia komputila kaĉo!" estas fuŝaj; sono tro mallaŭta kaj nekomprenebla.

Neniu problemo: mi klavas la retadreson de mia kanada amiko Henriko, ĉar mi memoras ke ankaŭ li registris la teatraĵon. Mi petas lin sendi tiujn scenojn. Intertempe mi daŭrigas prilabori mian vidbendon, fortranĉante superfluajn partojn, ekzemple la tedan membrokunvenon de TEĴA. Por la enkonduko, kiu montras kongresejon kaj ĉirkaŭon, mi prenas ĝeneralan tekston el la kongresa kuriero: mi tenas ĝin antaŭ la monitora ekrano kaj per klavopremo ĝia skanilo transprenas ĝin. Per plua klavopremo la skriba iĝas parolata teksto. Mi aldonas krome muzikon el kompakt-disko, kiun mi aĉetis en la kongreslando, kun tipa folklora muziko.

**Auld kun poŝtelefono**

Jen alvenas la scenoj petitaj de Henriko el Kanado! Tuj mi anstataŭas mian fuŝaĵon per lia perfekta parto. Kaj mi memoras pri tre favora recenzo de William Auld en la kongresa kuriero. Mi klavas lian telefon-numeron; bonŝance Auld instruis sian komputilon, transŝalti al lia poŝtelefono – li sidas en aviadilo revojaĝante de la kongres-urbo. Mi petas lin, ripeti la kernajn frazojn de l' recenzo, kion li afable faras. Poste mi aldonas lian foton per la skanilo.

En la amuza parto de l' vidbendo estas sceno kun Ĵak Le Puil, la fama kanzonisto kaj fifama fumanto: li fumas sian lastan propran cigaredon... Bona afero, ke mi havas sonkaseton kun lia kanzono pri ĝuste „La lasta cigaredo". El la magnetofono mi transigas ĝin en la vidbendon.

Preskaŭ preta. Mi aldonas el la grafika programo de l' komputilo klarigajn tekstojn kaj kelkajn piktogramojn, krome plurajn interesajn fotojn el la diĝita aparato de mia edzino. Komentojn pri la fotoj mi rekte parolas al la komputilo. Fine mi enigas la kongres-emblemon tiel, ke dum la tuta vidbendo ĝi aperas en la supra maldekstra angulo, tiel ke eĉ plej stulta spektanto scias, pri kio temas. Vere, plurmedio estas grandioza afero! Ne pli ol 38 horojn mi bezonis por aranĝi ĉion... La klubanoj devos esti entuziasmaj! Per la tradukprogramo Esperanto-germana mi krome pro-

## Plurmedio / multimedia

Kion signifas la anglalingva termino „multimedia"? Ŝajnas, ke uzantoj de tiu ĉi vorto en aliaj lingvoj ofte havas nebulajn aŭ erarajn imagojn; eble miskondukas ilin alia anglalingva termino: „mass media", kiu signifas amas-komunikiloj. Sed „multimedia" ne estas „mult-komunikila".

Ni konsultu *Komputikan Leksikonon* de Sergio Prokovskij. Sub kapvorto „medio" ni trovas, ke uzula medio estas parto de operaciumo aŭ ties etendaĵo disponiganta al la uzulo rektan interagon kun aplikaj programoj, stiradon de samtempa plenumo de kelkaj programoj kaj rimedojn por datum-interŝanĝo inter aplikaj programoj. – Do unuavice ne temas, kiel oni povus supozi ekzemple pro reklamado sub slogano „multimedia", pri aro da aparatoj kaj iloj, sed pri *aplikaj programoj* kaj *interagado*.

**Sistemo**

Konsekvence ni trovas sub la kapvorto „plurmedio" jenan klarigon: „komputa sistemo ebliganta kunan traktadon de diversspecaj datumoj (teksto, senmova aŭ moviĝanta bildo, sono ktp.)" kaj ke „la plej facila kaj malmultekosta aranĝo de la unuaj plurmedioj konsistis el diversspecaj aparatoj konektitaj al komputilo, kiu stiris kaj kunordigis ilian funkciadon. Ĝuste tiajn sistemojn plej trafe oni rajtus nomi *plurmediaj*: ili kombinas plurajn aŭtonomajn ‚mediojn' (datumportilojn). Tiusence la plua evoluo de la tekniko evidentigas tendencon al ‚unumediigo', al kunigo de la diversspecaj datumoj sur unu sola datumportilo, prefere en cifereca prezento."

*Plurmedio* do estas sistemo, kiu kombinas diversajn teknikojn, ne arigo de laŭeble multaj *aparatoj*. Kiujn aparatojn – krom la komputilo, kerno de la sistemo – oni bezonas por plurmedio, tio dependas de l' uzulo: se li volas prilabori vidbendojn, kompreneble li bezonas vidbendilon, ekzemple.

Prave, tamen, *Komputika Leksikono* atentigas pri la tendenco al „unumediigo". Efektive oni povas imagi, ke baldaŭ ekzistos komputiloj, kiuj en si mem jam enhavas ĉiujn komponentojn necesajn por plurmedio kaj bezonas pli kaj pli malmultajn periferiajn aparatojn. Tiam oni, ekzemple, ne plu bezonos kompletigan kompakt-diskilon: ĝi troviĝos en la komputila aparato mem.

duktas rapide duan, germanan version por la eternaj komencantoj; ili ja ankaŭ ĝuu la UK-raporton.

Fantaziaĵo? Jes kaj ne, ĉar parte tio, kion mi priskribis, efektive jam nun estas farebla per plurmedio, kaj eble post kelka tempo komputiloj majstros ĉi ĉion kaj multe pli. Plurmedio estas sistemo, kiu kombinas ĉiujn konatajn (kaj estontajn) teknikojn de komunikiloj:

- komputilo kiel reĝima kerno;
- telefonoj ĉiuspecaj inkluzive de bildtelefono;
- son-disko kaj -kaseto;
- radiofonio;
- vidbendo;
- televidilo:
- teksto;
- elektronikaj retoj;
- fotilo;
- skanilo;
- grafika programo;
- traduk-programo;
- parolo;
- ebleco ŝanĝi tekston al parolo kaj inverse;
- telefakso;

ktp. ktp.

Kaj ĉio ĉi estas uzebla interage, kvazaŭ samtempe, per nura klavado kaj la „muso". Ekzemple devus ebli, ke per kelkaj klavopremoj mi modifas tekston de germanlingva romano registrita en mia komputilo per traduk- kaj paroliga programo en kompakt-diskon japanlingvan, kiun retpoŝte mi sendas al japana amiko, kiu povas aŭskulti ĝin per sia komputilo.

**En redakcioj**

Plurmedio delonge jam regas en ĵurnalistiko, ne nur televida sed ankaŭ redakcioj de presitaj komunikiloj multmaniere havas kaj uzas ĝin: Tekstoj de inform-agentejoj, korespondantoj kaj kunlaborantoj venas rektlinee en la komputilon de ĵurnalo, kiu aŭtomate adaptas ilin konforme al la kondiĉoj de l' gazeto. Redaktoro sekundon post alveno povas prilabori kaj redakti la tekstojn. Fotoj same venas en diĝita formo rekte en la komputilon de redakcioj; redaktoroj povas rigardi ilin sur kolora ekrano kaj selekti, teknikistoj prilaboras kaj adaptas ilin laŭ la deziro de redaktoro. Same grafikaĵoj, figuroj, karikaturoj alvenas en la redakcia komputilo, per kiu – cetere – redaktoro povas enpaĝigi ĉiujn tiujn diversajn elementojn sur la ekrano.

Kompreneble tio estas multekosta afero: oni bezonas plurajn konstantajn telefon-liniojn, kiuj funkcias tutdiurne. La aparatoj mem ankaŭ ne estas haveblaj kontraŭ kelkaj cendoj aŭ eŭroj... Sed la avantaĝoj (financaj) estas ankaŭ grandaj: oni ne plu bezonas kompostistojn, kiuj (re-)tajpas tekstojn alvenintajn per telekso aŭ telefakso. Eĉ tiajn per skanilo oni povas enkomputiligi.

Tiujn teknikajn eblojn uzas ankaŭ Esperanto-redakcioj. MONATO ekzemple parte ricevas tekstojn de aŭtoroj retpoŝte aŭ kompostas tekstojn de ordinaraj manuskriptoj per optika leg-aparato (skanilo) kaj prilaboras ilin laŭ supre priskribita metodo. Ankaŭ reviziado de tekstoj parte okazas retpoŝte. Kaj inverse oni povas legi la revuon hejme per komputilo.

**Ordinaraj homoj**

La enkonduke priskribita plurmedia metodo estas ĉiutage uzata en televidaj redakcioj, kompreneble profesi-nivele. Do sendube plurmedio por ĵurnalistiko estas grava. Sed kio estas pri ordinaraj homoj? Ĉu ili ankaŭ povas profiti per tiu ĉi teknika revolucio?

Estas precipe du obstakloj: tempo kaj mono.

- **Mono.** Estas klare, ke aĉeto de aparatoj necesaj por plurmedio – se oni volas ekspluati ĉiujn eblojn – estas terure multekosta afero. Certe, prezoj ofte falis konsiderinde kaj falos ankaŭ estonte. Tamen oni devas elspezi pluroblan sumon ol

## La komunik-merkato

Tutmonda vendosumo de komunik-komercaj produktoj kaj servoj: **3281** miliardoj da germanaj markoj

El tiuj (en miliardoj da markoj):




*Komercado de komunik-teknikaĵoj iĝis giganta merkato, kiel montras la ciferoj de 1993 (pli freŝaj ne haveblas, tutmonde). En la vendosumoj de l' diversaj branĉoj estas enkalkulitaj ne nur aparatoj mem, sed ankaŭ programoj kaj servoj. Precipe kreskis komercado de telekomunikiloj (telefonoj kun periferiaj aparatoj kiel aŭtomata respondilo kaj telefaksilo), kiujn oni bezonas ankaŭ por uzi komputilojn en retoj. Daŭre pro tio ankaŭ kreskas la merkato de rektline-servoj. La duan pozicion tenas amaskomunikiloj (kaj presaj kaj elektronikaj). Ankaŭ komerco de distra elektroniko (vidbendoj, magnetofonoj, kompatk-diskiloj k. s.) havas grandan porcion.*

# Inform-ekonomio

Statistiko de Germanio en la jaro 1994

Ciferoj en la diversaj branĉoj:

**totala vendosumo**
**391 miliardoj da DEM**
**laborlokoj**
[redacted]

**146 miliardoj da DEM**
**516 000** **amaskomunikiloj** (presataj kaj elektronikaj)

**86 miliardoj da DEM**
**330 000** **telekomunikado** (aparatoj kaj servoj)

**74**
**230 000** **kontormaŝinoj** (inkl. de programoj kaj servoj)

**48 miliardoj da DEM**
**228 000** **elektronikaĵoj** en aparatoj kaj sistemoj

**21 miliardoj**
**34 000** **elektronikaj distriloj** (televidiloj kaj aliaj aŭdvidaj aparatoj)

**16 miliardoj**
**78 000** **konstru-elementoj**

fonto: Info 2000 - Vojo de Germanio en la informsocion (registara raporto)

***La ciferoj pri Germanio en la supra figuro montras, ke efektive la evoluo al inform-socio alportas ankaŭ ekonomiajn avantaĝojn. En Germanio la inform-ekonomio konsistigas jam dekunu elcentojn de l' brutta nacia produkto; same kreskas la nombro de laborlokoj, sole pro ekipado per televidaj kabloj de 1990 estiĝis 120 000 novaj laborlokoj.***

nun kostas simpla komputilo, televidilo, radioricevilo ktp. Oni devas por plurmedio grandparte aĉeti novajn aparatojn, ĉar la ordinaraj ne taŭgas tiucele; aŭ oni devas aĉeti komponentojn, kiuj ebligas konekti ekzistantajn aparatojn. Krome ni ne subtaksu la konstantan koston, ekzemple telefonadon por uzi komputilajn retojn, hejmlande kaj precipe internacie. Rapide akumuliĝas giganta sumo sur telefon-fakturo! Do tiu privata persono, kiu volas instali kaj uzadi plurmedion kun ĉiuj ebloj, devas esti bonhava, prefere riĉa; la amaso de homoj eĉ en industri-landoj tutcerte ne sukcesos akiri ĝin.

• **Tempo.** Ni simile ne subtaksu, kiom da tempo oni bezonas unue por instali kaj lerni la aferon, kaj poste por ekspluati ĝin. Certe, dum la daŭro de l' jardekoj programoj iĝis pli kaj pli facilaj por uzuloj, sed entute ĉio estas kaj sendube restos relative komplika kaj temporaba. Fuŝaj kaj mankhavaj instrukcioj, eraroj en programoj, kolapsoj de trostreĉitaj komputiloj – kiu posedanto de komputilo ne konas ĉi tiujn problemojn, pri kies solvo kutime oni vane atendas aŭ serĉas helpon de produktistoj kaj vendistoj. Roland Rotsaert bele priskribis siajn tiuspecajn spertojn en MONATO 3/96 („La kutimoj de Retlando", p. 12-13). Kiu ordinara homo, kiu devas tuttage labori profesie, vere havas la necesan tempon por sufiĉe rapide lerni plurmedion?

## Duklasa socio

Fakuloj do ne malprave avertas, ke la nova komunikilaro kaj aparte plurmedio generos duklasan socion: jen estos malgranda grupo de privilegiaj homoj, kiuj pro siaj profesiaj funkcioj aŭ pro riĉeco kapablas eluzi grandan parton aŭ ĉiujn eblojn de tiu plej moderna tekniko; kaj jen estas la granda amaso de ordinaruloj, kiuj per sia komputilo maksimume kontaktas bankon kaj superbazaron aŭ lernas la anglan lingvon...

Aliflanke oni povas demandi sin, ĉu entute homoj vere bezonas ĉi ĉion. Jes, por vidbend-amatoro plurmedio estas bona afero. Sed jam nun en mia komputilo estas tiom da programoj kaj ebloj, kiujn mi neniam uzos aŭ komplete ekspluatos, simple ĉar mi ne bezonas aŭ ne volas apliki ilin, kiujn tamen mi devis kunaĉeti. Ofte homoj aĉetas ion nur pro la premo de konsumismo: agresa reklamado persvadas bezoni, kaj nur post elspezo oni elreviĝas, konstatas kiom superflua por mi persone estas tio, por kiu mi pagis multan monon.

Tamen, la evoluon ni certe ne haltigos. Povas esti, ke iun belan tagon mi ne plu povos iri al mia banko

### Malpli ol supozite

Mirigis la fakulojn nova esploro pri uzado de Internet en Germanio: ja ĉiu kvina germano hejme havas komputilon, sed nur 12 % ankaŭ uzas ĝin regule kaj nur 2 % el ili unu fojon semajne eniras Interneton. La plej multaj uzas siajn komputilojn nur kiel skribmaŝinojn (16 %) aŭ por ludi (11 %). Krome, laŭ alia esploro, nur 3 el mil loĝantoj en Germanio havas Internet-adreson. Do pri furorado oni apenaŭ povus paroli...

kaj peti cent eŭrojn el mia konto – bankgiĉeto kun afabla deĵorantino ne plu ekzistos. Mi devos – kion ĝis nun mi neniam faris, ĉar mi ne fidas al aŭtomatoj kaj ne volas memori mian sekretan kod-numeron – enŝovi mian plastan karton en kas-aŭtomaton por ricevi kontantan monon, aŭ mi devos per mia komputilo telebanki por pagi la fakturon de la ŝuisto.
Pli ĝenerale, kiel avertas aliaj fakuloj, denove pligrandiĝas la abismo inter riĉaj industri-ŝtatoj kaj evolulandoj, kiuj restos malprivilegiuloj en tutmonda telekomunikado.

**Inform-rubo multiĝas**

Kia vere estos la evoluo, tion neniu povas prognozi. Ĉar ĉe cio ĉi ni tute ne diskutis unu, eble ne la plej malgravan punkton: la enhavojn de tia tutmonda interreta komunikado, regebla per plurmedio. Mia persona sperto estas, ke kun la kresko de l' teknikaj ebloj ne same kreskis kvalito de enhavoj – male, nun atingas nin en la ĵurnal-redakcio pli kaj pli multa kaj stulta enhav-rubaĵo, teksta kaj fotita. Vere nek mi nek miaj legantoj en Aŭgsburgo devas nepre scii, ke la hundo de ŝerifo de iu vilaĝo en suda Oklahomo (Usono) mordis la kruron de la vilaĝa instruistino kaj ke nun psikoterapeŭto esploras la ĉarman beston; ankaŭ la foton kun hundo, ŝerifo, instruistino kaj psikoterapeŭto, kiun informagentejo liveris kaj mi povas admiri sur la ekrano de nia redakcia komputilo (la hundo estas bruna kun blankaj makuloj, la sekretariino havas ŝikan bandaĝon sub ŝika blua jupo), mi certe ne presigos en nia ĵurnalo... spite al plurmedio.
Stefan MAUL

TUTMONDA INFORMADO

# Zorgoj de Unesko

## Vasta skeptiko pri la kulturaj kaj sociaj efikoj

Unesko, la kultura organizaĵo de UN, havas apartan ĉefprogramon 4 kun la nomo „Komunikado, Informado kaj Informadiko". Dum la 28a ĝenerala kunveno, kiu traktis la buĝeton por 1996 kaj 1997, oni precipe okupiĝis pri evoluo de diĝitaj komunikiloj, kiujn Unesko-dokumentoj kutime nomas „nova informa super-aŭtoŝoseo". En la kunsido oni povis konstati kaj grandan intereson de evolulandoj akiri aliron al la novaj komunikiloj kaj internaciaj inform-retoj kaj – aliflanke – vastan skeptikon pri ties sociaj kaj kulturaj efikoj. Al Unesko oni atribuis la taskon, batali kontraŭ la danĝero, ke pliprofundiĝos la abismo inter nordo kaj sudo per la rapidege evoluanta inform-socio.

**Minaco de izoliĝo**

Oni parolis pri minaco, ke povus estiĝi kulture izolitaj getoj, se malriĉaj landoj ne kapablas partopreni la teknikan progreson. Unesko tial proponu praktikan kaj substrukturigan helpon, precipe per konstruado de komunik-retoj kaj aligo ĉe inform-ŝoseoj. Iuj landoj dum la kunveno esprimis la timon, ke la libera kaj mondvasta fluo de datumoj, informoj kaj bildoj malfortigos kulturan identecon per inform-inundo fare de riĉaj landoj.
Sed Monda Komitato por Gazetara Libereco atentigis, ke iuj evolulandoj agas kontraŭdire: Oni ne povas unuflanke postuli partoprenon en internacia informfluo, sed aliflanke strebi al ŝtata reguligado de tiu ĉi informfluo, pro timataj sekvoj. Landoj, kiuj emas bari la inform-ŝoseon – se entute tio eblas spite al novaj perad-teknikoj – povos fari tion nur je la prezo de tutmonda izoliĝo, avertis la komitato.

**Edukado kaj trejnado**

Fone de tiu ĉi problemo, pluraj ŝtatoj kaj Ne-Registaraj Organizaĵoj (NRO) apelaciis al la respondeco de ĵurnalistoj kaj aliaj komunik-laborantoj, zorgi interne de l' profesia medio pri reguligado. Tial oni alte taksas edukadon kaj trejnadon en ĉiuj komunikilaj sferoj sub aspektoj de teknika scipovo same kiel de deontologio. Nepre oni rifuzis ŝtatan intervenon. La delegacioj de Burundo kaj Ruando atentigis pri eminenta graveco de profesietika respondeco de ĵurnalistoj por toleremo kaj paco, fone de dolorigaj spertoj pri rasisma kaj fiagitada misuzo de komunikiloj en iliaj landoj.
Kompletigo de l' Unesko-programo, proponita de skandinavaj membroj-ŝtatoj, pri sekureco de ĵurnalistoj trovis vastan aprobon. Laŭ ĝi Unesko garantiu sekurecon de ĵurnalistoj, kiuj estas malhelpataj praktiki sian profesion aŭ estas iamaniere minacataj. Federacio Internacia de Ĵurnalistoj postulis konsiderindan financan subtenon de aktivaĵoj (de l' propraj kaj de aliaj organizaĵoj) por libereco kaj nevundiĝo.

**Lingvoj lokaj**

Rilate al tradiciaj (amas-)komunikiloj, precipe evolulandoj postulis krom trejnado de ĵurnalistoj pli grandan atenton pri bezonoj de geografie izolitaj kaj kamparaj regionoj; oni subtenu gazetojn kaj radiostaciojn, kiuj uzas lokajn lingvojn.
Kvankam la debato estis harmonia koncerne fundamentajn principojn – ĵurnalisma libereco ne plu estas, kiel ofte en pasinteco, kontestata – tamen problemojn oni havis rilate novajn komunikilojn pri distingado inter la demandoj, kiuj koncernas amaskomunikilojn kaj ĵurnalismon, kaj la teknikaj flankoj de tiuj novaj komunikiloj. La problemoj de unu sfero ne ĉiam estas la samaj en la alia sfero. Tio malhelpas formuli klarajn celojn kaj taskojn. Ekzemple, pro interaktiveco de komputilaj retoj konceptoj kiel „libera fluo de informoj" enhavas diverĝajn signifojn, kiujn oni ne ĉiam povas klare difini. Tio ludas rolon en diskutado pri inform-inundo kaj „kultura fremdigo":

# Ni funebras pri Dino Fabris

## 78-jara mortis la honora membro de TEĴA

Tro malfrue por la antaŭa numero de IĴ atingis nin la malĝojiga informo, ke mortis d-ro Dino Fabris, estrarano kaj honora membro de TEĴA. Ŝajnas, ke la 78jarulo (naskita la 29an de decembro 1917) malsanis jam de konsiderinda tempo, ĉar li eĉ ne plu reagis al mia letero post la membrokunveno en Tampereo, per kiu mi informis lin pri la honora membreco. En la sama letero mi proponis al li, verki koncizan historion de TEĴA; tiun peton li ne plu povas plenumi.
Domaĝe, ĉar Fabris el ĉiuj gekolegoj sendube estis tiu, kiu dum plej longa tempo aktivis en nia fakasocio: de 1958 ĝis 1991 li estis sekretario kaj kasisto; la duan funkcion li havis ĝis 1995.
Li esperantistiĝis en 1951. Profesie mezlerneja instruisto pri italaj lingvo kaj literaturo, historio, socio kaj juro kaj franca lingvo, li korme instruis Esperanton kaj fariĝis prezidanto kaj poste ĝenerala direktoro de Itala Instituto de Esperanto. Fabris estis UEA-delegito en Cittadella apud Padovo, poste ankaŭ fakdelegito pri ĵurnalismo kaj rotario.

**Multaj oferoj**

En la pravigo por la honora membreco ni emfazis precipe, ke dum multaj jaroj li en okcidenta parto de l' tiam dividita Eŭropo, en la periodo de malvarma milito, daŭre tenis la kontakton kun TEĴA-estraranoj kaj redaktoroj de IĴ en Bulgario, kaj provis altruisme vivteni la asocion spite al ĉiuj tiaj problemoj, oferante ne nur tempon kaj energion sed eĉ propran monon. Estis li, kun multjara TEĴA-prezidanto Olav Thormodsen (mortinta en 1992), kiu en la membrokunveno de Bergen liberigis la vojon al reformo de l' asocio, kiu poste okazis en Vieno.

Persone mi renkontis d-ron Fabris nur unufoje, dum la UK en Valencio. Mi ekkonis modestan kaj trankvilan, iumaniere noblan homon. Lian lastan vivosignon mi ricevis per letero de januaro 1995, en kiu li konfirmis ke li „ĝenerale ne retiriĝas kaj bonvole estas je via dispono, laŭ viaj intencoj". Nun li ne plu kapablas esti je nia dispono.

Kun danko ni tenu lian memoron!
Stefan MAUL

Certe oni devas kritiki, ke 90 procentoj de televidaĵoj en evolulandoj estas okcidentaj produktoj, sed ke 90 procentoj de kontribuaĵoj en Internet estas anglalingvaj, tion oni ne povas ŝanĝi, ĉar ĝi ne estas unudirekta komunikilo (la uzon de lingvoj ja destinas la interagaj uzuloj mem).

**Financ-problemo**

Problemon vidis la diskutantoj precipe ankaŭ en la tro malgranda buĝeto de Unesko por la ĉefprogramo „Komunikado, Informado kaj Informadiko". La timo de malriĉaj landoj, ke ili ne profitos el la progreso en la internacia informsocio, do ne estas senbaza. Pensigis la averto, ke komunikado ja eblas bedaŭrinde ankaŭ sen kulturo, sed ke kulturo neniel eblas sen komunikado. La financaj problemoj de Unesko do povus fariĝi problemo de fidindeco de l' organizaĵo.

(laŭ *Unesko hodiaŭ* 1/1996, germanlingva eldono)




*Unesko-karikaturo: Oliver Weiss*

KOMUNIKAD-SCIENCO

# Juro kaj etiko en sveda ĵurnalistiko

La libereco de la gazetaro en Svedio estas fundamenta kaj principe tre vasta. La leĝo pri preslibereco havas statuson kiel parto de la konstitucio, kaj la proceduroj por leĝe persekuti eventualan misuzon de tiu libereco estas tiel komplikaj, ke malofte oni sukcesas iun kondamni. Leĝoj pri presetikaj demandoj mankas.

**Tradicio de korporaciismo**

La libereco efektive praktikata estas iom malpli vasta. Svedio en multaj sferoj de la socia vivo havas tradicion korporaciisme trakti problemojn, kaj tiel oni alfrontis ankaŭ la etikajn demandojn de la gazetaro. Jam en 1916 la tri organizoj de eldonistoj, redaktoroj kaj ĵurnalistoj fondis arbitracian komisionon. Tiu komisiono taskis sin garantii la personan integrecon de individuoj en la gazetaro. Se iu konsideras ke gazeto maljuste, ofende aŭ senrespekte traktis lin, eblas tion anonci al la komisiono, kiu faros „verdikton" pri la afero. Se la koncerna gazeto estas „kondamnita", la puno konsistas en deviga publikigo de la komisiona decido sur la paĝoj de la gazeto.

**Libervola interkonsento**

Nuntempe la komisiono enhavas ankaŭ reprezentantojn de la ŝtato kaj de la jura sistemo, kio estas tipe sveda korporaciisma modelo.

Ekde 1974 la tri organizoj eldonas „Regularon por gazetaro, radio kaj televido", kie troviĝas nejuraj reguloj libervole interkonsentitaj.

En 1969 oni pro kreskanta nombro de anoncoj al la komisiono proponis leĝojn pri presetikaj demandoj. Tiaj tamen ne estis kreitaj; anstataŭe oni establis apartan gazetaran „ombudsmanon", t. e. publikan komisiiton al kiu homoj povas turni sin en demandoj pri presetiko.

Unu el la tipaj presetikaj demandoj temas pri publikigo aŭ ne de nomoj sur la paĝoj de gazeto. Povas temi i. a. pri kondamnitoj, suspektatoj, viktimoj kaj atestantoj de krimoj. La sveda kutimo, kiu do baziĝas ne sur leĝo sed sur libervola interkonsento pri „bonaj moroj", longe estis ege restrikta. Anstataŭ nomoj la ĵurnaloj inventis aliajn priskribojn por doni individuajn trajtojn al la priparolataj homoj, kaj iliaj paĝoj pleniĝis de „politikisto en mez-sveda urbo", „33-jara patrino de du infanoj en Stokholmo" ktp. Kelkfoje, ekz. ĉe murditoj, precipe se temis pri virino aŭ juna homo, oni uzis antaŭnomon. Same oni longe evitis mencii la naciecon de kondamnito aŭ suspektato, por ne verŝi akvon al la muelilo de ŝovinistoj.

**Malpli strikta**

De kelkaj jaroj la situacio iomete ŝanĝiĝas en eŭropan direkton. Hodiaŭ oni pro multaj diversaj motivoj pli ofte publikigas nomojn kaj aliajn karakterizaĵojn. La leĝoj ne ŝanĝiĝis, nek la interkonsentita regularo, sed la praktika apliko de la reguloj iĝas ĉiam malpli strikta.

Sten JOHANSSON

(Tiun ĉi artikolon la aŭtoro verkis kiel taskon en la perkoresponda kurso de TEĴA.)

Noto de l' aŭtoro: Mi uzis la terminon *preslibereco* ne kun signifo libereco de amaskomunikiloj, sed ĝuste kun la signifo libereco de presado kaj distribuado de presaĵoj. La sveda leĝo estas iom malmoderne ligita ĝuste al la presteknikp. La sveda vorto estas tryckfrihet (libereco de presado), ne pressfrihet (libereco de amaskomunikiloj) aŭ io simila.

RELIGIOJ / KULTUROJ

# Vojaĝo tra l' komuna erao

En Esperantio oni ordinare diras ekz. „en la jaro 27 a. K., 330 p. K.". Tio estas diskriminacio kontraŭ nekristanoj. Ni nekristanoj adoptis la jarnombradon uzatan en la Okcidento nur tial, ke tiu ĉi estas vaste uzata en la civilizita mondo kaj ke tio estas tial konvena. Estas tute senrilata al tio, ke multaj kredas ke Jesuo naskiĝis en la kvara jaro antaŭ la komenco de tiu erao.

**Revolucia kalendaro**

La francoj nuligis tiun sistemon en 1793, aŭ en la jaro I kiel ili nomis ĝin. La revolucia kalendaro estis la plej racia en la historio de la homaro, ankaŭ kun multe pli belaj monatnomoj ol la romaj. Friedrich Schiller [Fridriĥ Ŝiler] tenis tagligbron laŭ ĝi antaŭ ol li reakciiĝis, maturiĝinte. Religieco de la homa gento estis pli profunda ol la racio, kiun fidis tiuj infanoj de la Lumoj, aŭ ol optimismis la bona Friedrich Engels, tiel ke Napoleono reirigis la francojn al la malnova kalendaro, perforte kontraŭ rezisto laŭ Engels, sed probable je la ĝojo de la popolo. Poste, la ateistoj rusaj kaj ĉinaj senhonte daŭre uzis la „kristanan" eraon. Tio tamen ne estas sufiĉa justigo de la dirmaniero „a. K., p. K."

**„Sezonaj salutoj"**

Usono estas progresinta lando se temas pri eglaeco de religioj pro la multnombreco de la judoj tie. En Usono, oni sendas unu al alia „sezonajn salutojn" jarfine anstataŭ „ĝojan Kristnaskon", ĉar la kliento al kiu komercisto volas esprimi bondezirojn de jartempo povus esti hebreo. Mi unu fojon embarasiĝis kiam brito demandis kia estas mia „kristana nomo". Tiu vortumo estas nekonata en Usono, kie oni uzas sole la terminon „unua nomo", kiel la francoj kaj germanoj diras „antaŭnomo" (estas alia problemo ke por azianoj ĝi neniel estas antaŭnomo sed postnomo, ni do diras „individua

nomo", iom malelegante sed sufiĉe kontentige). Tie la judoj nomas la kristanan eraon „komuna erao", kiun mi pensis inĝenia nomado kiam mi unuafoje aŭdis ĝin, kaj mi daŭre uzas la esprimojn „en la jaro X antaŭ, aŭ en, la komuna erao". Ĝi estas neŭtrala, ne entenas ian ajn valorjuĝon, kiu precipe taŭgas al la libera spirito de esperantismo.

Mi havis agrablan surprizon kiam mi aŭdis, en la kongresa universitato de Tampereo, profesoron Lindstedt, rektoron, uzi la parolturnon „en la komuna erao" en sia prelego pri la slavaj lingvoj.

La komuna erao estas nun vere internacia; ĝi ne estas plu eŭropa institucio, ĝuste kiel esperanto, kaj jes kiel la metra sistemo, tiu alia invento de la ideo de 1789 kune kun la respublikana kalendaro, kiu havis pli feliĉan sorton ol sia ĝemela frato kaj preskaŭ konkeris la mondon krom la teritorio de tiuj anglosaksaj obstinuloj. Eĉ tiuj ĉi nun malgraŭvole transiras al la kontinenta sistemo ĉar ili perdas pro tio konkurencon en la monda merkato.

**Japana kalkulado**

En Japanio, oni kalkulas jarojn laŭ la regado de l' monarĥo: la unua, la dua jaro de, ekz. Syôwa, laŭ kiu estas postume titolita la lasta reĝo, aŭ imperiestro. 1989 estis la jaro 64 de Syôwa ĝis Hirohito (lia individua nomo) mortis, post kio la jaro 1 de Heisei (1989 havas do du nomojn). Ĝi estas importita el Ĉinio antaŭ dekkelkaj jarcentoj, sed ne estas tiel stranga kiel pensus la okcidentanoj. Malnovaj anglaj leĝoj portas skribon, kia „anno III Elisabethae reginae". Stranga estas tio ke tiu sistemo regis ĉiutagan vivon de la japanoj. Antaŭ la milito, nur la komunistoj kaj malmultaj eŭrofiloj uzis la komunan eraon. Eĉ post la malvenko en 1945, estis kriterio juĝi la lojalecon de japana civitano tio ĉu li uzas aŭ ne la komunan eraon.

Tio komplete ŝanĝiĝis je la komenco de Heisei, t. e. reĝo de la nuna imperiestro Akihito (al li estos donacita honora titolo Heisei post lia morto, sed oni ne aŭdacas paroli pri tia malboninaŭgura okazaĵo kiel lia morto). Estas frenezige komplike kalkuli rapide nombron de jaroj daŭrantaj tra la du epokoj. Kompanioj subite komencis nomi siajn librotenajn periodojn per la komuna erao. La japanoj uzas nun la ĉinan sistemon, kiu malaperis en Ĉinio en 1911, nur en dokumentoj prezentotaj al la registaraj instancoj. La kapo de la burokratoj estas ja pli malmola ol ŝtono, aŭ fosilio se vi volas.

La japana vorto por la komuna erao estas „okcidenta kalendaro", sed ĝi komencas enradikiĝi ankaŭ en tiu azia tero. Ĝi ĉirkaŭbrakumas la globon. Ĝi perdis komplete la kristanan radikon. Oni devas forigi de la esperanta vortaro antikvan vestiĝon.

**ISO A4**

Unu vorton fine. Oni parolas en tiu ĉi periodaĵo pri DIN A4. Ĝi ne nur estas DIN, ĝi ankaŭ estas JIS (Japana Industria Normo), ĝi estas antaŭ ĉio ISO (internacia normo). Oni devas diri „ISO A4". La reglamento, 2.1. de TEĴA devus esti ŝanĝita. Por esti internacia.

YAMASAKI Seikô

---

JURNALISTA LIBERECO

# Persekutoj kaj murdoj

Daŭre estas mortigataj kaj persekutataj ĵurnalistoj, kaj ankaŭ por la pasinta jaro 1995 la bilanco denove estas terura: Minimume 45 ĵurnalistoj estis murditaj, ses pliaj perdis la vivon en krizaj regionoj. 182 ĵurnalistoj en 22 landoj sidis fine de l' jaro en karceroj. Tiujn ciferojn enhavas la jara raporto „Atakoj kontraŭ gazetaro 1995: tutmonda superrigardo", kiun publikigis en Nov-Jorko Komitato por Protektado de Ĵurnalistoj.

En 101 esploritaj landoj oni malkovris pli ol 700 kazojn, en kiuj ĵurnalistoj estis fizike atakitaj, enkarcerigitaj, minacitaj aŭ obstrukcitaj per cenzuro. Tiamaniere oni provis mutigi ilin.

En la negativ-listo gvidas Turkio, kie komence de 1996 sidis 51 ĵurnalistoj en karceroj. En Etiopio estis 31 en prizono, en Ĉinio 20 kaj en Kuvajto 18. Po ok kolegojn en karceroj tenis Vjet-Namo, Peruo, Birmo kaj Niĝerio. La plej multaj murdviktimoj estis en Alĝerio: 24; teroristaj islamaj fundamentistoj estis la murdintoj. La plej multaj viktimoj ne estis eksterlandaj korespondantoj, kiuj raportis pri militoj, sed lokaj raportistoj, kiuj laboras en landoj kun koruptaj kaj maldemokrataj reĝimoj, diras la jarraporto.

**456 mortigitoj en unu jardeko**

En la jardeko de 1986 ĝis 1995 laŭ indiko de l' komitato oni mortigis entute 456 ĵurnalistojn pro praktikado de la profesio, la plej multajn el ili oni murdis. En Alĝerio estis 53, en eksa Jugoslavio 45, en Kolombio 43 (precipe viktimoj de drogo-karteloj). En Taĝikio 29 sendependaj ĵurnalistoj viktimiĝis en politika murdkampanjo; en Filipinoj 29 kolegoj estis murditaj, kiuj malkovris krimojn kontraŭ homaj rajtoj kaj koruptadon.

Interamerika Gazetara Societo (SIP) komunikis, ke en Latinameriko dum la pasintaj sep jaroj 161 ĵurnalistoj estis murditaj.

---

INFORMADO

# Kompendieto por ĵurnalistoj

En Ruslando ĵus aperis tiulingva versio de l' kompendieto pri Esperanto por ĵurnalistoj, en Brazilo portugallingva eldono estas preparita (eble ankaŭ jam aperis). Tiu ĉi dosiero, kompilita de Stefan Maul antaŭ jardeko por Germanio, nun ekzistas do jam en multaj aliaj lingvoj. Ĝi estas tre valora en publikaj rilatoj, ĉar la kompendieto estas konforme verkita por la celgrupo; ĵurnalistoj ja bezonas koncizajn kaj tamen solidajn informojn.

Ni memorigas, ke esperantlingva versio de l' kompendieto estas havebla ĉe la prezidanto de TEĴA.

Ĝin kompletigas atentigoj kaj konsiloj, kiel plej konvene adapti la materialon al la cirkonstancoj kaj bezonoj de la koncerna lando. (Bonvolu sendi 2 internaciajn respondkuponojn, se vi deziras havi la kompendieton. Adreso en la kolofono.)

---

KOMPUTADO

## Ĉapelilo 2.0

Antaŭ unu jaro ni raportis pri la unua komputila tekstprogramo tute en Esperanto, Ĉapelilo, sed priskribis la dilemon de produktisto Simono Pejno, kiu ne tuj povis vendi tiom da ekzempleroj, kiom necesus por sukcesigi la enmerkatigon. („Klara faka sukceso – sed financa fiasko?" IĴ 3/95, p. 3-4) Bonŝance, la malbona aŭguro ne realiĝis kaj nun eĉ aperis nova, pli bona versio taŭga por la nova mastruma sistemo Windows 95 sur IBM-kongruaj kaj japanaj NEC-komputiloj. Ĉapelilo 2.0 krome havas vortdividilon. Ĝi aŭtomate dividas vortojn „laŭ la establitaj kutimoj en Esperantujo, tio estas unue laŭ afiksoj, due laŭ silaboj".
La 180 klientoj, kiuj aĉetis la unuan version (Ĉapelilo 1.0), devas pagi 100 germanajn markojn por aktualigo; la 2a versio kostas 250 markojn. Distribuas ĝin, cetere, nun krom Pejno mem ankaŭ Flandra Esperanto-Ligo (5130 belgaj frankoj).

lanĉis la gazeton. Ĉu ĝi spite al forta konkurenco kaj spite al malfacilaj ekonomiaj cirkonstancoj precipe en orient-eŭropaj landoj trovos la necesan abonantaron, ĉu la eldonejo povos finance elteni dum sufiĉe longa tempo por ekhavi solidan bazon?
Nu, ĝi ne nur eltenis, sed evidente konkeris sian propran pozicion en la merkato de Esperanto-periodaĵoj. Kun sia aparta profilo, certe ankaŭ pro akurateco kaj rapideco *Eventoj* evidente altiris tiom da konstantaj abonantoj, ke ĝi povis jubilei pri 100 numeroj. Do ni gratulas kaj deziras plian kaj pluan prosperon!
Stefan MAUL

---

ESPERANTO-GAZETARO

# Jam pli ol cent Eventoj

Ŝerce aŭ malice oni asertas, ke du profesi-grupoj plej multe kopias gekolegojn: historiistoj kaj ĵurnalistoj. Ni konas multajn ekzemplojn pri falsinformoj, kiuj tiel transvivis eĉ jarcentojn, ĉar historiistoj transprenis asertojn de antaŭuloj, sen kontroli (kaj sen indiki la fonton).
Certe, tiu ĉi miskonduto estas tre disvastigita ankaŭ en ĵurnalismo, spite al aŭtor-rajtoj kaj aliaj leĝoj. Iuj gekolegoj perfekte majstras tiun ĉi arton. Nu ja, se estas valoraj informoj, tio ja alportas ion al legantoj, kaj pripiratita ĵurnalisto eĉ povus fieri...

**Spegulo de Esperantujo**

Ankaŭ en Esperanto-ĵurnalismo ofte unu revuo transprenas tekstojn el alia, sed kutime – laŭ miaj observoj – oni indikas la fonton. Nun aperis jubilea, centa numero de gazeto, kiu perfektigis tiun ĉi represigadon, kies principo estas transpreni artikolojn el aliaj gazetoj – tamen nepre kaj ĉiam kun font-indiko. *Eventoj* tiel volas disvastigi gravajn informojn kaj enhavojn, ideojn kaj spertojn, konsilojn kaj komentojn, kiuj aperis en gazetoj legataj de iuj grupoj sed ne legeblaj de ĉiuj.
Tamen, tio estas nur unu parto de l' enhavo. *Eventoj*, aperante akurate ĉiun duan semajnon, transportas ankaŭ aktualajn informojn kaj anoncojn, novaĵojn kaj raportojn. Jen kaj jen la enhavon kompletigas propraj artikoloj, speciale verkitaj por la gazeto. Kiel skribis UEA-prezidanto Lee Chong-Yeong en sia salutmesaĝo sur la frontpaĝo de la jubilea numero, *Eventoj* tiel estas spegulo de Esperantujo.
Multaj estis skeptikaj, kiam hungaro László Szilvási antaŭ kvar jaroj



Via reklamo en EVENTOJ atingas legantojn en pli ol 50 landoj!

FAME-PREMIO

# „Vi honoris tre valoran idealon"

La premion de 10 000 germanaj markoj brazila eldonisto Gersi Alfredo Bays (FONTO) uzos por eldono de unuaj volumoj de *Antologio Latina*; tion Bays komunikis en siaj dankvortoj okaze de l' transdono de la 5a Esperanto-Kultur-Premio de Aalen, kiu okazis sen lia ĉeesto en la kutima solena kadro dimanĉon, la 31an de marto 1996, en la urba biblioteko de la sudgermana urbo Aalen. En tiu ĉi institucio hejmas jam de pluraj jaroj la Germana Esperanto-Biblioteko kun intertempe ĉ. 15000 titoloj.

**Konstrui pontojn de toleremo**

La transdono dum matineo jam havas tradicion, kiel atentigis Frank Stocker, prezidanto de Germana Esperanto-Asocio, en sia saluto. Malfermis ĝin Ulrich Pfeifle [Ulrich Fajfle], ĉefurbestro de Aalen, per memorigo pri la solenaĵo okaze de transdono de la kvara premio; tiam en la fokuso estis la milito en eksa Jugoslavio, ĉar (krom *Heroldo de Esperanto*) premiito estis kroata verkistino Spomenka Štimec. Por eviti tiajn mili-

Fonto

Numero 184

Aprilo 1996

Jaro/Volumo 16

## Kulturpremio FAME 1996

tojn, necesas interkompreniĝo por forigi antaŭjuĝojn kaj konstrui pontojn de toleremo, kaj al tio kontribuas laŭ lia konvinko esperantistoj.
Li konfirmis al la 120 gastoj de la matineo la daŭran subtenon fare de la urbo, al kiu apartenas ankaŭ financa engaĝiĝo de l' regiona ŝparkaso, kaj anoncis por 1997 Esperanto-Kultur-Festivalon en Aalen.
FAME-prezidanto Stefan Maul deklaris, ke per elekto de Bays la fondaĵo, post premiito Itô Kanzi (Ludovikito), por la dua fojo distingas ekstereŭropan kandidaton kaj tiel denove pruvas sian tutmondecon.
Maul tamen atentigis, ke premioj estas nur parto de l' helpoj, ĉar multe pli da mono FAME elspezas por subvenciado de projektoj, en la aktuala jara buĝeto ĉ. 15000 germanajn markojn.

**Rekorda revuo**

Gerrit Berveling, prezidanto de Esperantista Verkista Asocio, en sia omaĝa parolado vigle kaj amuze priskribis situacion kaj meritojn de Gersi Alfredo Bays. Li elstarigis, ke FONTO ne nur eldonis jam pli ol 60 valorajn librojn, sed per la gazeto atingis rekordon: FONTO jam estas la plej ampleksa literatura revuo de l' historio. Berveling konkludis: „En la persono de Gersi Alfredo Bays kaj lia entrepreno FONTO la urbo Aalen honoris tre valoran idealon." Laŭ kontrakto inter FAME kaj Aalen la fondaĵo disponigas la premiosumon, la urbo – kie la fondaĵo havas sian juran sidejon – financas la solenaĵon. Tiun, cetere, ĉarme ornamis per brazilaj muziko kaj kanto Esperantolernantoj de loka gimnazio.

# Raporto de la estraro

## Agado de TEĴA dum la pasinta jaro

**• Eldonado de l' organo**
*Internacia Ĵurnalisto* publikiĝis laŭritme, kvankam al ni mankis manuskriptoj, kiujn la redaktoro mem devis provizi.

**• Koresponda kurso pri Ĵurnalismo**
Sukcese finis ĝin du unuaj kandidatoj. Aperos en la UEA-revuo artikolo fare de la estro de nia trejnad-komisiono, Paul Gubbins. (Vidu apartan raporton.)

**• Fakterminaro**
Nenia progreso pro la okupiteco de l' prizorganto.

**• AERA**
Kunlaboranta kun nia laborkomisiono de radioĵurnalistoj, agadis precipe en alvoko al ŝrumpanta Radio Vieno.

**• Rilatoj kun UEA**
De post eklaboro de la nova estrarano pri fakaj agadoj, Amri Wandel, ni esperas pli intimajn rilatojn, kaj eĉ materiajn subtenojn parte de UEA (aparta rubriko en la revuo, giĉeto en la kongresejo, subvencio al la fakterminaro, varbado ĉe individuaj UEA-membroj por fakaj asocioj ktp). La prezidanto respondis al ties enketaro pozitive.

**• Membraro**
Je la 19a de marto, ni nombras 82 membrojn kompare kun 142, raportitaj en la UEA-jarlibro. La esperanta gazetaro, fidele al sia esprimo de solidaro en Tampereo, kampanjadis persiste en siaj publikigaĵoj por TEĴA, pro kio la estraro dankas. YAMASAKI Seikô

# Viktimo de sukceso

## Trejnkurso - raporto 1996

Resumiĝas la trejnkurso per unu vorto: paradokso. Paradokso ĉar, dum klare montriĝas sukcesoj, ankoraŭ evidentiĝas malsukcesoj. Fakte, la trejnkurso fariĝis viktimo de sia propra sukceso: pro tio la paradokso.

Unue la sukcesoj. Nepras, ke TEĴA gratulu kaj Roland Rotsaert (Belgio) kaj Sten Johansson (Svedio), kiuj la unuaj kompletigis la trejnkurson. Ambaŭ ricevos diplomon kun honoro (t. e. ili ricevis pli ol 70 %): denove, gratulon.
Tri-kvar aliaj studantoj estas kompletigontaj la kurson; povas esti, ke dum la TEĴA-jarkunsido en Prago anonciĝos la nomoj de aliaj sukcesintoj. La fakto, ke pluraj studantoj nun atingas la finon de la kurso, signifas, ke ekhaveblas komentoj – kaj de studantoj kaj de docentoj – pri la kurso, kiu lanĉiĝis komence de 1995 en iom eksperimenta formo. Surbaze de la spertoj nun akirataj mi baldaŭ ekmodifos la kurson. Ekzemple, la leciono pri redaktado tro longas kaj tro pezas, tiel ke estiĝas netolereblaj poŝt-kostoj. Alia leciono enhavas tro de taskoj, alia maltro. Al studantoj kaj docentoj, kiuj atentigis min pri malglataĵoj, sincerajn dankojn.
Unu el miaj venontaj taskoj estos trovi tempon por ekrevizii la kurson ... tempon, kiun mi nuntempe apenaŭ disponas pro fakultataj kunfandiĝoj ĉe la universitato, kie mi laboras, kiuj skuis la kutiman labor- kaj libertempan ritmon. Samtempe mi mem fariĝis studanto (denove) pri dramverkista arto: necesas al mi tempo por studi kaj verki.
Alia problemo koncernas la tempon, kiun mi dediĉas al korespondado kun dekoj da studontoj, kiuj volas komenci la trejnkurson sed al kiuj necesas skribi: Paciencon ... ne eblas sendi la unuan lecionon, ĉar aktuale mankas al TEĴA docentoj por tralegi viajn

ekzercojn kaj por profesie vin konsili kaj helpi.
Tiel plene riveliĝas la paradokso. Jes, ni prifieru la sukceson de varbo-kampanjo en la Esperanta gazetaro, kiu vekis kaj intereson kaj lernemon de ĉ. 40 interesatoj pri la trejnkurso; samtempe, tamen, ni prihontu la malsukceson de nia asocio plenumi la dezirojn de tiom da homoj pretaj ekstudi sed ankoraŭ – bedaŭrinde – sendocentaj.
Jenas la problemo: aktuale okupiĝas pri studantoj kvar docentoj (pri unu leviĝas duboj; respondoj al inform-petoj mankas), kaj ĉiu docento respondas pri po tri studantoj. Prizorgi pli ol tri studantojn apenaŭ eblas: tralegado, poentigo de studantaj taskoj, kvankam agrabla tasko, postulas tempon. Necesas minimume duonvespero por adekvate pritaksi la ekzercojn.

Pro tio mi alvokas helpon kaj subtenon de kompetentaj membroj de nia asocio: nepras, ke tiuj akceptu docento-rolon, eventuale kun nur unu studanto, ĉar nur tiel forviŝiĝos la nuna, embarasa kaj paradoksa situacio, en kiu TEĴA troviĝas koncerne la dekojn da studemuloj. Sendube TEĴA staras sursojle de trejn-sukceso, sed tiu sukceso ne realiĝos, se spertaj membroj de la asocio ne aktivas, ne ekagas. Nek nia laborema prezidanto, Stefan Maul, nek la aliaj docentoj – Will Green, mi, kaj eventuale Evgeni Georgiev – povas ĉion surŝultrigi. Estus skandale, se TEĴA perfidus kelkdekon da lernavidaj studontoj ... sed la solvo, la vera sukceso (anstataŭ paradoksa, ŝajnsukceso) sendube kuŝas en la manoj de niaj membroj: alivorte, en viaj.

Kernas en la TEĴA-statuto plialtigo de la kvalito de ĵurnalismo en Esperanto-revuoj kaj -gazetoj. Sen trejnado restos tiu baza principo nura ĥimero. Tiel suferos ne nur la verda gazetaro sed ankaŭ Esperanto mem.
Paul GUBBINS

# Konkurso pri simbolo de TEĴA

Nia fakasocio havis – kiel multaj aliaj – propran simbolon, iuspecan fontplumon en formo de birdo (pacokolombo?) kun siglo „TEĴA" kaj Esperanto-steleto. Ni uzis ĝin (sur la frontpaĝo de la revuo, ekzemple) ĝis fino de 1992, por tiel demonstri tradicion.
Poste ni ellasis ĝin, ĉar fontoplumo en epoko de komputiloj sendube estas iom eksmoda aŭ eĉ arkaika. Aliflanke, simbolo aŭ iu signo, emblemo, piktogramo aŭ io simila, kiu karakterizas nian fakasocion, eble ja estas dezirinda aŭ eĉ necesa.
Kiel ajn, la estraro alvokas vin prikonsideri la aferon kaj eventuale partopreni konkurson por krei novan simbolon de TEĴA.



*La eksa simbolo*

Kompreneble, precipe grafikistoj kaj desegnistoj estas petataj, ellabori skizon aŭ pretan desegnaĵon; sed ankaŭ ĉiu alia membro ja povus doni ideon, sugeston, proponon kun skizo. Eble jam dum la membrokunveno en Prago ni havos unuajn proponojn... Premion ni ne povos doni al gajninto de tiu ĉi konkurso, sed ja honoro kiel aŭtoro de nova simbolo ankaŭ estas strebina.
Aŭ ĉu vi strikte rifuzas tian simbolon? Ankaŭ viaj opinioj pri la temo ĝenerale estas bonvenaj.

# PERSONE

***Novaĵoj pri gekolegoj***

**Franco SIMÕES** faris la eble plej detalan esploradon pri Esperanto-gazeto. Li ellaboris statistikojn plej diversajn pri relativa uzado de la lingvoj portugala kaj esperanta, pri redaktoroj ktp. de E-gazetoj *Nia Bulteno* kaj aliaj periodaĵoj. Ĉion tion li fiksis precize en koncernaj tabeloj. Se tiajn detalegajn statistikojn ni havus pri ĉiuj E-gazetoj...

☆

**Jukka PIETILÄINEN** havas novan adreson: Nyyrikintie 4 H 47, FIN-33540 Tampere, Finnlando.

☆

**Assiongbon KANKOEGAN** informis pri fondo de nova gazeto *Afrika Vekiĝo* kaj serĉas perantojn. Adreso: B. P. 62139, Lome, Togolando. Telefakso (228) 222252. Abonkotizo estas 25 NLG.

☆

**Claude TELLIER** (poŝtfako 0631, F-37206 Tours Cedex 3) fondis novan gazeton *Le Mode en Denevir* kun E-rubriko.

# METIEJO

***Ĵurnalistikaj aferoj***

## Enigmaj sigloj kaj mallongigoj

En ĉiu numero de IĴ aperas nemalmultaj sigloj kaj mallongigoj uzataj de kontribuantoj por ŝpari spacon. Mi faris la sekvan liston de pli ol tridek ekzemploj, kiujn mi trovis sur la paĝoj de numero 2/96.

Paĝo
1. • ambaŭ membroj-ŝtatoj de NATO
• la maldekstrema turka ĵurnalista asocio CGD
• en antaŭa IĴ
• TEĴA insistas pri trejnado

• tv-kanaloj, tv-informo, tv-ĵurnalistiko
2. • UK en Prago
• subvenciita de EU
• populara tv-stacio NTV
5. • germana BAT-Instituto
6. • televizio germana RTL
• publik-jura (duonŝtata) MDR
• svisa televizio DRS
• kurda organizaĵo PKK
• tv-kanalo ARD
• Radio-Televizija BiH
7. • Radio Kanada Internacia (RCI)
• Kanada Radia kaj Televizia Societo (CBC)
8. • SEF (aŭ Sveda Esperanto-Societo)
10. • de Diesel fondita fabriko MAN
• eldonata de Eŭropa Jura Universitato Justo (EJU)
• Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS)
• kunfondinto de SEJM (Sovetia Esperantista Junulara Movado)
• UEA-konto
11. • la printempa UER (Jekaterinburg)
• la esperantigo de la BBC-kurso
• redakcio kaj estraro de GEA (= Germana E-Asocio)
12. • monunuo de Eŭropa Unio (EU)
• difino de „histo“ en PIV (Plena Ilustrita Vortaro)
13. • FEL-libroservo
14. • la unujara jubileo de Voĉo el Turingujo (VET)
• Germana Demokrata Respubliko (GDR)
• 10 DEM
15. • Amikaro de Esperanto en RAdio (AERA)
16. • 390,- BEF
• „Krome mi havas grandan stokon da grafikaĵoj sur multaj KD-ROMoj...“

Ekzameno de la citaĵoj indikas, ke nur triono estas glosita; la ceteraj restas enigmaj, kvazaŭ ili estus novaj vortoj en la tekstoj. Eĉ kelkaj sigloj rilatantaj specife al la Esperanto-movado ne estas tiel oftaj, ke ordinara esperantisto rekonos ilin, ekzemple UER kaj FEL. La plej granda parto de la sigloj rilatas al diverslandaj ne-esperantistaj organizaĵoj, kaj estas dube, ĉu eĉ en etnolingva manlibro pri mallongigoj ĉiuj estas listigitaj. Ankaŭ la lingvo de la gloso povas okazigi problemon de kompreno, se la Esperantaj vortoj ne akordas kun la literoj en la siglo. Legantoj ne povas akiri pli da informoj pri RCI kaj CBC (pĝ. 7), ĉar mankas la titoloj en la angla lingvo.

Ankoraŭ unu ekzemplo de malfacila deĉifrado estas la siglo „KD-ROMoj“ sur pĝ. 16. Ĉar ĝi evidente estas komputerika termino, mi serĉis ĝin en la plej ĝisdata tiufaka terminaro, *Komputika Leksikono* de Sergio Pokrovskij (1995). „KD“ ne estas registrita sub litero „K“. Sur pĝ. 299 troviĝas la angla siglo ROM kun informo, ke en Esperanto ĝia ekvivalento estas „NLM, nurlega memoro“. Ĉe „NLM“ (pĝ. 227) estas referenco al „nurlega memoro“ (pĝ. 232) kun informo, ke la angla siglo ROM signifas read-only memory. Estas ankoraŭ necese trovi la signifon de „KD“. Se oni estas sufiĉe klera, oni povas diveni, ke la Esperanta litero „K“ respondas al la angla C. Tiam oni estas survoje al la solvo. Sub litero „C“ troviĝas sur pĝ. 57 la angla termino CD ROM glosita en Esperanto per „codoromo“, kaj ĉe la aldonita angla ekvivalento CD ROM, compact disc read-only memory. Jen el la brumo venis la lumo! „KD“ en la frazo citita el IĴ signifas kompaktan diskedon. La kaŭzo de tiu malfacila solvo de la enigma siglo estas la neglekto de la kompilinto de *Komputika Leksikono* registri ankaŭ „KD-ROM“ apud „codoromo“.

**Glosaro bezonata**

Laŭ mia scio ekzistas nur du glosaroj kun Esperantaj sigloj kaj mallongigoj, ambaŭ publikigitaj antaŭ pli ol unu jardeko: *Nia Vortareto de Sigloj* de Alves de Moura (Lisbono, 1981) kaj *Listo de Mallongigoj* de Reinhard Haupenthal (Saarbrücken, 1982). La dua estis kompilita en la jaro 1972, dek jarojn antaŭ publikigo, do ĝi vere estas malĝisdata.

*Manlibro pri Politiko* de Stefan Maul (Antverpeno, 1994) enhavas la signifon de multaj nuntempe uzataj sigloj de politikaj instancoj kaj organizaĵoj. Tamen, tre bezonata estas kompilado de kompleta glosaro de sigloj, mallongigoj kaj akronimoj spegulantaj ĉiujn facetojn de la vivo de la Esperanto-komunumo, ne nur en la nuntempo sed ankaŭ en la pasinteco. Kiu entreprenos la taskon trakribri la centojn da publikigaĵoj, kiuj liveros tiun valoran materialon?

Bernard GOLDEN

---

LINGVO

# Pravigo de la neologismo „grafitio“

En la marta (1996) numero de *Leterkesto* de Pola Radio estas prezentita demando pri la ĝusta Esperanta ekvivalento de la internacie uzata vorto *grafitti* [tiele!]. Rimarku, ke tiu ortografio de la itala vorto estas erara; la ĝusta literado estas *graffiti*. Pola Radio invitas Akademion de Esperanto kunlabori, por ke la „fajrobrigado“ de la Akademio povu diskonigi sian solvon de tiu terminografia problemo.

En *Leterkesto* troviĝas jenaj tri proponoj: „grafitio“, „murskribaĉaĵo“ kaj „murpentraĵo“. Ankaŭ la sekvaj variaĵoj de tempo al tempo aperas en publikigaĵoj: „farboskribo“, „ŝpruc-farbaĵo“, „murdesegnaĵo“, „grafitaĵo“ kaj „sgrafito“. Por decidi, kiu el la terminoj estas la plej bona, estas necese unue informiĝi pri la historia uzo de *graffiti*.

*Graffiti* estas arkeologia kaj epigrafika faktermino ampleksanta ĉiuspecajn surskribaĵojn aŭ desegnaĵojn divers-teknike metitajn sur la surfaco de muro, roko, ceramikaĵo aŭ alia objekto. *Graffiti* estis desegnitaj sur muroj de paleolitikaj grotoj fare de prehistoriaj homoj kaj sur ŝtonaj monumentoj de la romia imperio fare de soldatoj en la legioj. En romiaj urboj lernej-buboj petoleme „ornamis“

murojn kaj aliajn surfacojn per siaj skribaĵaĉoj kaj desegnaĵoj. Historiistoj kaj epigrafikistoj kolektas kaj studas tiujn dokumentojn de la pasinteco, dum la pli efemeraj modernaj *graffiti* havas intereson por sociologoj kaj folkloristoj.

**Nur unu ĝusta termino**

Kun nur unu escepto, ĉiuj vortoj cititaj ĉi-supre ne konvenas por precize redoni la semantikan amplekson de *graffiti*. Aŭ ili estas tro limigitaj laŭ la vidpunktoj de formo kaj tekniko, aŭ ili estas erare formitaj kaj pro tio ne estas uzeblaj. Ekzemple, „grafitaĵo" ne taŭgas, ĉar ĝi baziĝas sur la substantivo „grafito", kiu estas la nomo de nigra mineralo el karbono; sekve, „grafitaĵo" povas rilati nur al iu objekto farita el grafito. „Sgrafito" estas erara, ĉar ĝi estas artmetia faktermino signifanta teknikon de arkitektura kaj ceramika dekorado. La sola akceptebla esperantigo de *graffito* (singularo) estas „grafitio", kiu rilatas al ĉiuspecaj skribaĵoj kaj desegnaĵoj, antikvaj kaj modernaj. Ĝi estis enkondukita de Bernard Golden kaj Tibor Sekelj, la redakcianoj de la Esperanta parto de *Dictionarium Museologicum*, 20-lingva muzeologia fakterminaro eldonita en 1986. Jen preciza difino por la reviziata eldono de *Plena Ilustrita Vortaro*:

**grafiti/o** 1. (historio, epigrafiko) skribaĵo aŭ desegnaĵo ne havanta dekoradan celon, kiu estas gratita, skribita aŭ pentrita sur la surfaco de muro, natura roko, objekto de ceramiko k. s. 2. (moderna) simila skribaĵo aŭ desegnaĵo metita plejofte sur murojn kaj ankaŭ aliajn surskribeblajn surfacojn per plej diversaj teknikoj (ekze per ungo, tranĉilo, krajono, plumo, farbado kaj ŝprucfarbado), kaj kies enhavo estas ofte skatologia, politika, humura aŭ persona.

Bernard GOLDEN

*

## Blanka nigro?

En tre interesa artikolo pri Taĝikio, en MONATO 4/96 (p. 7 - 8), la aŭtoro en la enkonduka frazo memorigas pri la „civila milito", kiu okazis en la lando.
Strange, ke ofte eĉ lingve spertaj verkantoj kaj redaktoroj stumblas pri la parencaj vortoj „civila" kaj „civito/civitano". Evidente, ne povas okazi „civila" milito, ĉar „civila" estas vorto „kontrasta al militista" aŭ – en juro – kontrasta al „kriminala" (Manlibro pri Politiko / MpP, kol. 63). Do civila milito estus kiel blanka nigro...
Kio do okazis en Taĝikio? Estis „civitana" aŭ – pli precize – „intercivitana" milito (vidu kapvorton „civito", MpP kol. 64).
sm

---

KVIZO

# Aktivulo kaj publicisto sur du kontinentoj

*Ĉar la ĉi-jara Universala Kongreso de Esperanto okazos en Ĉeĥio, la kvizo en tiu ĉi numero de IĴ temas pri ĉeĥa esperantisto, kiu, pro sia dediĉiteco kaj talento, faris valorajn kontribuaĵojn jen kiel politike engaĝita junulo jen kiel matura verkisto kaj poliglota tradukisto. Kiom da informoj pri li vi bezonos, antaŭ ol vi povos diveni la nomon? En Esperantio ĝi havas la portugallingvan formon, kiun li adoptis en Brazilo.*

1. Li naskiĝis kiel filo de malriĉa muelisto la 24-an de decembro 1872 en la ĉeĥa vilaĝo Zbyslav apud Čáslav en Bohemujo. Li frekventis gimnaziojn en Čáslav (1885 - 1888) kaj Kolín (1888 - 1890), sed pro malsano devis ĉesigi siajn studojn en la 6-a klaso.
2. Kiel junulo li montris intensan interesiĝon pri lingvoj; li faris studojn pri la kompara slava lingvistiko kaj verkis la propran lernolibron pri la rusa lingvo. Krom alproprigi la plej gravajn modernajn lingvojn, li studis ankaŭ la ciganan, hebrean kaj sanskritan.
3. Ankaŭ la demando pri internacia lingvo altiris lian atenton, kaj kiam Volapuko ekaperis en la 1880-aj jaroj, li lernis ĝin kaj korespondis kun la aŭtoro, Johann Martin Schleyer. Lia okupiĝo pri Volapuko ne estis longdaŭra, ĉar tuj, kiam estis eldonita la unua lernolibro de Esperanto en 1887, li komencis lerni la novan internacian lingvon, estante nur 15-jara.
4. Li loĝis en Prago proks. tri jarojn de 1890 ĝis 1893, vivtenante sin per publicistika agado kaj privata instruado. En la gastejo U Pštrosû li aliĝis al Omladina (Junularo), kultura rondeto, kiun gvidis intelekta elito de progresemaj junuloj, plejparte laboristoj.
5. En la kunvenoj de Omladina li faris propagandon pri internaciaj lingvoj, instruante unue Volapukon kaj poste Esperanton. En tiu tempo okazis la unua kurso de Esperanto por ĉeĥoj. En 1890 li verkis laŭ la „Unua Libro" de Zamenhof la unuan lernolibron de Esperanto por ĉeĥoj kaj eldonis ĝin proprakoste en Pardubice.
6. Kiel 19-jarulo li komencis sian publicistan karieron en la grupo Omladina. Kvankam li ne estis la redaktoro de ties samnoma gazeto, li ĉiuokaze verkis la plej grandan parton de la unuaj numeroj de 1891 kaj ankaŭ tiujn de la dua volumo, aperinta en 1892 kiel dusemajna periodaĵo.
7. Post la 18-a numero en 1892, oni deprenis de li la redaktorecon pro lia politika orientiĝo al la progresula partio. Okaze de interpaciĝo de la du politikaj frakcioj de la ĉeĥa junularo, li fariĝis la oficiala redaktoro, sed denove li montris sin neakorda kun la ĝenerala linio, tiam inklina al sendependa socialismo kaj anarkiismo. Fine, post la kvara numero de 1893, li ĉesigis eldonadon de *Omladina*. En tiuj jaroj li estis unu el la intelektaj ĉefoj en la movada socialdemokrata kaj progresula.
8. Ekde 1891 li komencis propagandi Esperanton en ĉeĥaj gazetoj kiel *Zár* (Brilo). Translokiĝinte al Mladá Boleslav en 1892 li eldonis novan dusemajnan gazeton nomatan *Pokrok* (Progreso), organon de la progresema junularo. Aperis kvin numeroj, kies enhavon karakterizis metafizikaj tendencoj (spiritismo, magnetismo, teozofio), En 1983 li verkadis ankaŭ por *Nová*

*proudy* (Novaj fluoj), *Rozhledy* (Ĉirkaŭrigardo) kaj *Pokrokové listy* (Progresema gazeto), kiuj anstataŭis la ĉesigitan *Omladina*.
9. Li partoprenis la progreseman politikan movadon ne nur kiel publicisto sed ankaŭ persone ĉeestis kunvenojn, protestagojn kaj manifestaciojn. La registaro rigardis la Omladina-movadon kiel landperfidan, danĝeran al la Aŭstria-Hungara monarkio, do ĝi persekutis ĝin. En junio 1893 okazis homamasa kaj sanga batalo inter laboristoj kaj la polico. Li estis kaptita, kondamnita al dek-taga aresto kaj rekrutita por tri-jara soldatiĝo.
10. Kiel pacema bonkorulo li volis eviti militservon por la aŭstria imperiesto, do li provis fuĝi sed ne sukcesis atingi Francion. Poste, per fremdaj dokumentoj, li elmigris al Brazilo kaj alvenis en septembro 1893.
11. Lia celo estis komenci novan vivon en la ŝtato Rio Grande do Sul, kie loĝis konatoj, sed eksplodis enlanda milito, kaj lia ŝipo estis haltigita en Riodejanejro. Li, do, devis elŝipiĝi kaj serĉi vivrimedojn, kiuj ebligos al li daŭrigon de la vojo suden.
12. Li komencis sian pilgrimadon tra la ŝtatoj Riodejanejro kaj Mina Gerais, laborante kiel ministo, kamplaboristo kaj taglaboristo. En februaro 1894 li eniris kiel terkultivisto en la kolonion São Feliciano (nun Dom Feliciano) en la distrikto Enruzilhada de Rio Grande do Sul, kie li edziĝis kaj loĝis 60 jarojn.
13. Post akiro de brazila civitaneco li okupis diversajn oficialajn postenojn. En 1899 li fariĝis kontrolisto kaj tradukisto ĉe la administrado de enmigrado en Porto Alegre, la ĉefurbo de Rio Grande do Sul. Li tiam trapasis ekzamenojn pri scio de 24 lingvoj. Tamen, post ses monatoj li forlasis tiujn okupojn, ĉar li sentis sin minacata de ftizo. Li reen transloĝiĝis en la kamparan vilaĝon São Feliciano. Poste li estis nomumita poŝtoficisto kaj fine lernejestro de 1903 ĝis sia emeritiĝo en 1943.
14. Dum sia restado en São Feliciano li estis literature aktiva. Li laboris kiel kunlaboranto kaj korespondanto de diversaj gazetoj brazilaj kaj Esperantaj, kaj post la unua mondmilito liaj verkoj aperis ankaŭ en ĉeĥaj gazetoj. Li fariĝis ĉefkunlaboranto por la literatura parto de la franca gazeto *L'Espérantiste* redaktita de Louis de Beaufront (1898 - 1908). Fruaj publikigitaj verkoj en Esperanto estis la hinda fabelo „Karagara" kaj la poemo „Alaŭdeto", ambaŭ inkluditaj en *Fundamenta Krestomatio*. Li aŭtoris ankaŭ plurajn portugallingvajn librojn, kaj liaj porinfanaj versoj estis akceptitaj kiel lernolibroj por ŝtataj lernejoj.



15. La evoluo de la Esperanto-movado en Brazilo kaj disvastiĝo de la lingvo ne antaŭeniris tute glate kaj sen malhelpoj. Inter la 1920-aj kaj 1930-aj jaroj neniu Esperanto-movado efektive ekzistis en tiu lando. Li estis longe izolita sen sciigoj pri la stato de la Esperanto-movado en la mondo. Eĉ atingis lin kalumnioj pri ĝia disfalo, do li opiniis ĝin nevivanta. Inter la jaroj 1907 - 1914 alvenis al Brazilo propagando de la idistoj, kaj li, kune kun aliaj brazilaj esperantistoj, forlasis la Esperanto-movadon por lerni kaj apogi la reform-projekton Ido. Li verkis Ido-lernolibron en la portugala lingvo, publikigitan en São Paulo en 1913, kaj en 1914 li redaktis kaj eldonis *Astro Idista*, dumonatan revueton.
16. Li dediĉis sin ankaŭ al siaj propraj lingvoprojektoj nomataj Kosmolinguo kaj Mundial, kaj en 1930 verkis artikolon pri Mundial por la pariza revuo *Tolero*. En 1928 li havis kontakton kun Jaro Železny en Techonice, Ĉeĥio, kiu estis la aŭtoro de Esperanta, kaj verkis pri ĝi en la revueto *Internacia Lingvo Esperanta*, oficiala organo de la Universala Ligo Esperantida. Fine, li deklaris en letero al Antido (= René de Saussure), ke li rezignas pri sia projekto Mundial kaj kunlaboros por Nov-Esperanto. En 1933 li estis nomumita unu el la sep fondantoj de la Nov-Esperanta Akademio prezidata de René de Saussure.
17. Li revenis al Esperanto en la 1940-aj jaroj kaj restis fidela al ĝi ĝis sia morto. Li rekomencis fruktodonan traduklaboron kaj publicistikon. En 1941 aperis *Diverskolora Bukedeto* enhavanta poemojn kaj poemetojn el 40 lingvoj. Atuta tradukaĵo estis la hinda klasikaĵo *Bhagavad Gîtâ* (1942), esperantigita laŭ la sanskrita originalo. Ankoraŭ unu unikaĵo estis *Voĉoj de poetoj el la spirita mondo* (1944), kiuj konsistas el poemoj diktitaj de pluraj mortintaj poetoj kun la helpo de la kompilinto, kiu rolis kiel mediumo. Estante poligloto li kapablis traduki el tuta vico da lingvoj – onidire 104 – inkluzive de la eŭska, armena, persa, araba, litova, aliaj ekzotaj lingvoj kaj pluraj dialektoj de amerikaj indianoj.
18. Liaj portugallingvaj libroj inkludas 16 verkitajn originale, inter kiuj estas *Lingvistika Inciado* (1929), Esperanta lernolibro por portugallingvanoj, kaj ankoraŭ ne publikigita kuriozaĵo, *Plena gramatiko de la tupia lingvo*. Antaŭ la unua mondmilito li portugaligis *Labirinto de la mondo kaj paradizo de la koro* de Komenio, kaj verkis ankaŭ biografion pri la aŭtoro.
19. Li estis animo multfaceta, elstaranta en Ĉeĥio kiel progresema politike aktiva redakciano, kaj en Brazilo kiel plurtema literaturisto kaj ankaŭ adepto de la doktrino de spiritismo. En la 1950-aj jaroj li forlasis São Feliciano kaj reiris al Porto Alegre, kie li mortis en sia 85-a vivojaro la 24-an de majo 1957.
20. Lia nomo troviĝas en la titolo de la plej grava Esperanto-eldonejo en Brazilo: Spirita Eldona Societo en Riodejanejro. Ĉiujare aperas ĝia *Almanako*, kiu same portas lian nomon. Lastatempe la Societo publikigis lian gravan tradukverkon, la 452-paĝan *Brazil antologio poezia* kun 324 poemoj de 120 brazilaj poetoj. Aperis ankaŭ lia portugallingva infanlibro titolita *Paraboloj, kiujn Jesuo rakontis*, kiu estis psikografita, t. e. verkita per spiritista rimedo fare de mediumo Antônio Matto Noroefé.
Bernard GOLDEN

# REVUO de revuoj

### Espero Katolika
**organo de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista**
Probable nur malmultaj nekatolikoj scias, ke romkatolika eklezio havas ĉiujaran „Mondan Tagon de la Sociaj Komunikiloj“, en 1996 jam la 30an. Kutime la papo eldonas mesaĝon je tiu okazo. Ĉi-jare la temo estas „La amaskomunikiloj: moderna forumo por la akcelo de la virino en la socio“. *Espero Katolika* en n-ro 5-6/96 aperigas tradukon de la kompleta teksto de papo Johano Paŭlo 2a. Krome en la sama numero aperas plurpaĝa artikolo pri la temo „Ĉu eblas diri Dion en televido?“, bedaŭrinde sen indiko de l' aŭtoro.

☆

### Heroldo de Esperanto
en la n-ro de 31 maj 96 aperigas artikolon, kiun laŭ indiko de l' aŭtoro Gian Carlo Fighiera rifuzis aperigi la organo de UEA. Ĉu temas pri konflikto inter ties redakcio kaj la aŭtoro? Li skribas, ke same okazis al li jam plurfoje: „En pasintaj jaroj tri sinsekvaj redaktoroj de *Esperanto* sisteme malakceptadis miajn kritikajn kaj proponajn tekstojn.“ Eble tial li titolas sian enkondukon pri la afero „Danĝera artikolo“, kiu, cetere, temas „Necesas komuna strategio“.

☆

### Monato
**internacia magazino sendependa**
Daŭras en la revuo la diskutado de legantoj pri la ĝusta formo de l' estonta monunuo de EU. Ŝajnas, ke plimulto de legantoj rifuzas la proponon nomi ĝin „eŭroo“, sed ŝajnas ankaŭ, ke la redakcio adoptis tiun ĉi formon kaj nun ne volas transiri al „eŭro“, tiel ke supozeble ankaŭ tiurilate *Monato* estos unika – kiam ĉiuj aliaj E-gazetoj skribas pri „eŭro“ laŭ la argumentoj de B. Golden en la antaŭa numero de IĴ.

☆

### ESPERANTO
**organo de UEA**
En numero 4/96 sur p. 68 aperis informo „Denove internacia E-fako en Budapeŝto“, per kiu ni ekscii ke en la universitato ELTE oni povas studi ankaŭ ĵurnalistikon kaj redaktadon. Oni devas pagi 1000 usonajn dolarojn por ĉiu semestro. – En la sama numero aperis „nefermita“ letero (same, cetere, en *La KancerKliniko*), spite al la averto „Publika letero pri nefermita letero“ en IĴ 1/96. (Ĉu pruvo, ke neniu redaktoro legas nian fakrevuon?)

☆

### Kloako
**malbeletra revuo**
Ĝis redaktofino nenio nova pri ĝi.